Wikipedia

# Muzeo de Socia Vivo kaj Nacia Arkitekturo de Gjumri



Oficiale **Dzitoghcjan-Domo-Muzeo de Socia Vivo kaj Nacia Arkitekturo** (en la armena: Ձիթողցյանների քաղաքային կենցաղի և ազգային ճարտարապետության թանգարան), estas muzeo en Gjumri, Armenio. Ĝi estis fondita en 1984 en la domo de la familio Dzitoghcjan, de la 19-a jarcento. La muzeo elmontras elementojn de la ĉiutaga urba vivo de Gjumri, same kiel la lokajn kulturajn kaj arkitekturajn trajtojn de la urbo.

La fama domo de Dzitoghcjan-familio estis konstruita en 1872 de 4 fratoj, kiuj migris de la vilaĝo en Okcidenta Armenio al la urbo Aleksandropolo. Ĝi estis konstruita el la fama ruĝa ŝtono de Ŝirako.

La domo-muzeo montras kolekton de la sociaj vivaj trajtoj de Aleksandropolo (Gjumri), de la 19-a jarcento ĝis la 1920-aj jaroj. Ĝi ankaŭ havas la kulturajn, arkitekturajn kaj religiajn aspektojn de la urbo.